# ESPERANTO EN AFRIKO



Oficiala bulteno de la Afrika Komisiono de UEA

Numero 33 (2017: 4)


*Karaj legantoj,*

*Jen la kvara ĉi-jara numero de la bulteno "Esperanto en Afriko". Certe ĝi plaĉos al vi, ĉar temas pri sufiĉe diversa kaj abunda numero.*

*Vi legos ĉi-numere ne nur pri la tradiciaj agadkampoj de afrikaj Esperanto-agantoj, sed ankaŭ pri entreprenoj de virinoj en kelkaj landoj kaj pri grupvojaĝo de francaj esperantistoj al Tanzanio, prepare al Nomadkurso – unika projekto, kiu proponas solidaran turismon kaj samtempe la eblon lerni kaj uzi vigle Esperanton.*

*Mi kaptas la okazon por diri dankon al vi ĉiuj, kiuj iel, ĉu de proksime aŭ malproksime, kontribuis al la vivigo kaj flegado de la enkontinenta Esperanto-movado. Estis agrable scii, ke vi estis kun Afriko kaj espereble vi plu apudos ĝin ankaŭ en la sekva jaro, sed antaŭe mi deziras feliĉan jarŝanĝon al vi ĉiuj!*

*Agrablan legadon!*

***Adjé Adjévi***

************

# Memorigo pri la jarfinaj agadraportoj

Baldaŭ finiĝos la jaro 2017, kaj estas jam kutime, ke fine de la jaro ĉiuj asocioj kaj kluboj (kie ankoraŭ ne estas landaj asocioj) raportas al UEA pri siaj agado, aktiveco kaj financa stato dum la finiĝanta jaro.

Tiu nepra raportado ne nur ebligas al la kluboj kaj asocioj mem bilanci pri la jaro, sed donas ankaŭ al la amikoj de Afriko eblon informiĝi pri la movoj de afrikanoj, pri la evoluo de la movado, pri rezultoj atingitaj en la respektivaj landoj.

Tiuj jarfinaj raportoj, kiujn ni publikigas en diversaj revuoj, ne nur permesas al UEA havi pozitivan orientiĝon pri la enkontinenta E-movado sed ankaŭ celas ebligi la daŭrigon de la aktivaĵoj per asigno de jara subvencio en la sekva jaro.

Tradicie, similan rememorigan leteron vi ricevas nome de la Afrika Oficejo de UEA pere de Jean Codjo. Nun ĝin sendas al vi la Lomea Oficejo de UEA. Ŝanĝiĝis la sendanto sed praktike ne la enhavo. Bonvolu nun sendi vian agadraporton al la *lomea.oficejo@uea.org* kun kopioj al la kunordiganto de la Afrika Komisiono: *emalandan@yahoo.fr* kaj la Ĝenerala Direktoro de UEA: *direktoro@co.uea.org*.

La raporto devas konsisti el du partoj: financa kaj aktivada. La financan parton devas subskribi la kasisto kaj la membroj de la kontrolkomisiono dum la vortan subskribu kaj la prezidanto kaj la sekretario de la klubo aŭ asocio.

Bonvolu noti, ke la raporto devas atingi la ĉi-suprajn retadresojn antaŭ la fino de la jaro 2017. Nur la aktivaj asocioj kaj kluboj, kiuj klare kaj akurate raportos pri sia agado, povos ricevi iom el la subvencio de UEA al Afriko, se entute estos disponebla financa subteno en la tuj sekva jaro.

Kore salutas vin.

**La Lomea Oficejo**

# Burundo aktivas retradie

La ĝenerala estro de la radio *Gift* en Rumonge akceptis programon pri Esperanto per sia reta radio tiel por helpi al la progresigo de la Esperanto-movado en Burundo. La elsendprogramo konsistas el Esperantlingva kurso kaj ĝeneralaj informoj pri la lingvo en la *Ikirundi* (nacia lingvo) kaj en la franca.



La dua dekstre: Niyukiri Gilbert

Estis malfacile trovi ĵurnaliston ĉar ĉiuj personoj, kiujn oni kontaktis tiucele, ne estis pretaj fari la laboron. Jen mi proponis min por la posteno. Ankaŭ trovi nomon por la elsenda programo ne estis facile sed mi fine decidis ke la programo portu la nomon *Esperanto por ni*.

*Gift radio* estas retradio, kiu elsendas regule pri sano, socio-kulturaĵo, muzikaĵo kaj Esperanto. *Esperanto por ni* elsendiĝas ĉiuĵaŭde inter la 20-a kaj la 20-a kaj duono. Mi opinias, ke tiu tempo estas favora kiel aŭskultmomento, ĉar multaj personoj tiam ne plu troviĝas en la lernejo, laboristoj ne laboras, do ili povas profiti sian ripozon por sekvi la kurson. La E-elsendo estas nuntempe la dua plej ŝatata programero de aŭskultantoj post tiu pri muzikaĵo.

Pro la E-elsenda programo multaj novaj junuloj interesiĝis pri Esperanto. Aliaj, kiuj iam iel lernis la lingvon kaj poste kabeis pli kaj pli revenas al la movado. Por kontentigi la deziron de multaj aŭskultantoj, mi kreis vacapan grupon, kie mi respondas al diversaj demandoj kaj ankaŭ instruas la lingvon. Mboyo Hope de DR Kongo helpas min en la lingva instruado al la komencantoj. Tiu vacapa klaso estas internacia ĉar en ĝi membras personoj de diversaj landoj de la kontinento.

La reto estas unu el tiuj nuntempaj rimedoj por alproksimiĝi al junuloj, interesi kaj pli facile varbi ilin por nia afero. Pro tio, ke volontulaj instruistoj en Esperantujo ne multas por prizorgi ĉeestajn kursojn en ordinaraj lernoĉambroj, la instruado per la radio prezentas atuton. La lernantoj povas lerni en sia ritmo kaj kaze ke io ne estis komprenita dum la elsendo, ili povas reaŭskulti la programon, skribi siajn demandojn sur la fejsbuka paĝo de la radio, kie instruisto respondas al ili. Krom la fejsbuka retpaĝo, la lernantoj havas eblon rekte levi siajn demandojn kaj pri ili ricevi klarigojn de la instruisto vacape je *+25779221031*.

Bonvenas ankaŭ al la ĉi-supre menciitaj kontaktinformoj kontribuoj, kuraĝigoj, konsiloj de pli lertaj esperantistoj tra la mondo.

La unua elsendo okazis la 24-an de septembro 2017 kaj seriiĝis jam entute pli ol dek elsendoj. La programo atingas ĉ. 6000 personojn el tiuj 400 jam abonis nian fejsbukan retpaĝon, kiu estas: *https://www.facebook.com/Gift-Radio-647263175336052*. Per ĝi eblas aŭskulti ĉiujn niajn antaŭajn elsendprogramojn, kiuj afiŝeblas ankaŭ per *Yutubo* kaj *Instagram*. Sufiĉas skribi serĉe la vortojn *Gift radio* en la reto. Bonvolu ankaŭ ne forgesi ŝati alklake sur *LIKE* aŭ *J'AIME*.

***Niyukuri Gilbert**



Niyukiri Gilbert dumelsende

** Naskiĝis la 20-an de decembro 1992 en Rumonge (sudparte de Burundo), kie konstruiĝis kaj funkcias la E-Centro. Gilbert estas la nuna TEJO-volontulo en Afriko, Esperanto-instruisto kaj pioniro en Ngozi (nordo de Burundo), kie li estis la unua persono, kiu (kun helpo de siaj ekslernantoj) fondis E-klubojn tra diversaj mezgradaj lernejoj. Li estas unu el la partoprenintoj de la TEJO-seminario en Kotonuo (Benino) 2016 kaj la 73-a IJK en Anéĥo, (Togolando) 2017.*

# Esperanto funkcias en Rutshuru spite obstaklojn



De dekstre: Joel kaj kolego

Mi mem esperantistiĝis hazarde en la jaro 2008 pro kontaktiĝo kun s-ro Honoré Sebuhoro. La aparteco de Esperanto, ĝiaj idealoj igis min fakte interesiĝi kaj lerni ĝin. Poste kaptis min tiu impulsa bonvolo diskonigi tiun mirindan lingvon al la cetera publiko de mia loĝregiono. Esti e-isto signifas precipe tion, ĉu ne?

Mi, kiel fervora kaj diligenta e-isto, ĉiam zorgas ke nian lingvon multaj Rutshuru-anoj spertu kiel vivantan, parolatan, ĉiel uzindan lingvon. La unua paŝo, kiun mi sukcesis fari tiu-direkte estis informi kaj instrui la lingvon per la ondoj de lokaj radioj. Mi unua-foje en 2012 dissendis duonhoran E-kurson ĉe la loka radio *Fm Racou*. Sed tre rapide pro ribelado far M23 en nia loĝparto de DR Kongo tiuperiode, la elsendo ĉesis okazi ĉar mi mem devis fuĝi translimen en Ugandon.

Reveninte hejmlanden en la jaro 2014, mi cerbumis kiel denovigi la E-instruadon en la urbo Kiwanja. En tiu cerbumado mi vizitis kune kun s-ro Honoré Sebuhoro la reverendon Ngango Muhima por persvadi lin konsenti enkonduki Esperanton en la lerno-programon de sia privata orfejo-lernejo *Njiwa*. Ni klarigis tion, kio estas Esperanto kaj kial indas ĝin lerni, kaj feliĉe li favoris nian proponon. De tiam la E-kurso okazas ĉiun vendredon en tiu lernejo, kie kelkaj lernantoj jam nun kapablas sin esprimi en nia lingvo flue.



Kelkaj membroj de la E-Klubo de Kiwanja.
De maldekstre: Joel M., Innocent M., Bienfait, Marie-Reine, David.

Apartan dankon mi ŝuldas al s-ro Ronald Glossop el Usono. Tiu ĉi malavare pli ol unu fojon sendis al la lernejo *Njiwa* legolibretojn, glumarkojn ktp. Ĉiuj lernantoj ĝojis fakte pri la ricevitaj esperantaĵoj kaj pro tio, ke ilia lernejo estas konata eĉ de alikontinentanoj!

En la jaro 2014 mi gvidis instruadon de Esperanto ankaŭ per la ondoj de la radio *Alliance Fm*, laŭ interkonsento inter ĝia pose-danto John Koraho kaj mi. En oktobro 2016, la E-antenspaco estis nuligita pro nova programo de la radio.

Intertempe funkciis ankaŭ la radio *Racove Fm* kaj mi vizitis la radioestron s-ron Faustin Tawite februare 2017 kaj petis E-elsendon. Ankaŭ tiu estro senhezite konsentis! Decide Esperanto havas ŝancon en Rutshuru! De tiu dato mia elsenda programo okazas ĉiun lundon posttagmeze kaj multaj aŭskultantoj montras interesiĝon pri Esperanto kaj ĝia lernado. Ili notas en sia kajero tion, kion ili aŭskultas dum mia radioelsenda programo!

Lasttempe *RTDH Fm* siavice bonvenigis E-elsendprogramon. S-ro Innocent Makuza, profesia ĵurnalisto en tiu radio, unu el miaj lernintoj, sukcese persvadis sian estron pri la neceso instrui Esperanton per la ondoj de la radio. La elsendo okazas unu horon ĉiumarde.

**Daŭrigo sur p. 7**

# Virino en DR Kongo...

Alexandrine Omba Tshamena, 42-jaraĝa patrino, estas unu el la du virinoj, kiuj estis elektitaj en la nuna Afrika Komisiono de UEA. Ŝi rakontas: *Pasis kelka tempo de kiam mi elektiĝis en la 10-persona komisiono de UEA en Afriko por la tasko "virinaj aferoj". Mi estis pensanta pri mia rolo, kiam venis al mi ideo krei asocion de afrikaj virinaj kun la nomo Esperantista Virina Asocio en Afriko, mallongige EVAA.*

Kaj ŝi komencas labori: *Mi kontaktis kelkajn Esperantistajn virinojn en Afriko, prezentante la ideon pri EVAA, kaj ili akceptis ĝin. Tiuj virinoj kontaktitaj, kiuj aprobis la ideon, estas: Mireille Hounkpe (Benino), Monique Badiengisa (DR Kongo), Miora Rasoharinaivo (Madagaskaro), Fatouma (Malio), Sokhna (Senegalo), Aminda Gbeglo (Togolando) kaj Alinet (Zambio). Tiuj ĉi virinoj estas samtempe la landaj reprezentantinoj de EVAA en sia respektiva lando* kaj ŝi kuraĝigas: *ĉiujn landreprezentantinojn krei virinajn grupojn en sia unuopa lando.*

Alexandrine volus ankaŭ: *Kuraĝigi kaj akompani la afrikajn virinojn, por ke ili estu pli viglaj kaj videblaj Esperantaktivece*.

Ŝi en pli proksima estonteco ĉefe ambicias: *Afrikan Kongreson de Virinoj (AKVo), dum kiu okazos persona interkonatiĝo inter la partoprenantoj kaj estos pridiskutitaj vive ĉiuj aspektoj rilate al la bona funkciado de EVAA. Tiu renkontiĝo okazos septembre de la venonta jaro en Moramanga, Madagaskaro.* Kaj sekve ŝi petas kontribuon de ĉiuj: *La sukceso de la kongreso necesigas fortajn sindediĉon, materialan kaj financan rimedojn. Mi petas ĉiujn gesamideanojn aliĝi al la ideo, subteni nin finance, materiale kaj morale.*


Alexandrine Omba Tshamena

La Afrika Komisiono, instanco de Universala Esperanto-Asocio en Afriko, formale ankoraŭ ne diskutis la temon, nek faris decidon pri ĝi, tamen Alexandrine Omba Tshamena antaŭsciigas: *Ni konsentis, ke nia unua kongreso estos malfermita ne nur al virinoj sed ankaŭ al viroj.*

Almenaŭ en Afriko iniciatoj ne mankas por reklami la internacian lingvon Esperanto.

# Ĉinio serĉas volontulojn por instrui i.a. Esperanton...

La profesia kaj teknika kolegio *Pingliang*, kun 500 laborantoj kaj 6000 studentoj, intencas inviti du-kvar fremdajn volontulojn por instrui la anglan lingvon kaj samtempe funkciigi la E-lecionon kiel nedevigan programeron por interesataj studentoj kaj instruistoj. La kandidatoj devas bone regi E-on kaj la anglan. La kolegio liveros al ĉiu volontulo senpagan loĝadon kaj monatan honorarion de 2000 RMB, kiu sufiĉas por pagi bonan manĝadon por du homoj minimume en la manĝejo de la kolegio. La volontuloj povos deĵori dum semajno ĝis 12 monatoj laŭ sia plaĉo. Al tiuj, kiuj laboros pli ol 6 monatojn, la kolegio repagos la dudirektan vojaĝkoston. La retpaĝo de la kolegio estas: *http://www.plvtc.cn*.

Lokaj esperantistoj en la Esperanto-Centro *Ora Ponto* en Ĉinio pretas helpi la instruadon de Esperanto en la kolegio. Interesatoj pri tio bv. kontakti s-ron Trezoro Huang Yinbao per lia retadreso: *trezoro@qq.com* kaj s-ron Ardo *esphugp@126.com*. Skajpo: *huangyinbao*.

# ... kaj en Madagaskaro

Mi nomiĝas Miora Rasoharinaivo. Profesie mi estas pastorino kaj direktorino de lertigejo por knabinoj. Mi esperantistiĝis en la jaro 1997, memlerninte la lingvon. Mi iam trovis traktaĵon en kiu estis skribitaj du bibliaj frazoj en pluraj lingvoj, inter kiuj estis ankaŭ Esperanto. Jen mi komencis scivoleme interesiĝi pri la lingvo.

Mi trapasis internacian ekzamenon de ILEI/UEA sukcese. Mi aktivas en la nacia E-asocio - Unuiĝo de Malagasaj Esperantistoj (UME), kies estrarano mi estis. Mi estas kunfondinto de la Esperantista Virina Asocio en Afriko, kiu planas internacian renkontiĝon, nome Afrikan Kongreson de Virinoj (AKVo) en Madagaskaro venontjare. Nun mi instruas la lingvon en la Esperanto-klubo *Gazela*. En la klubo estas 17 gelernantoj. Ili ĉiuj estas knabinoj kaj partoprenas la klubajn kurskunvenojn. La kursoj okazas alterne sabatojn kaj dimanĉojn vespere.

La ĉefaj malfacilaĵoj, kiujn mi kaj miaj klubaninoj alfrontas, kuŝas en tio, ke multaj samlandanoj pensas, ke Esperanto estas jam mortinta lingvo kaj do por ili ne valoras la


Miora Rasoharinaivo

penon ankoraŭ ĝin lerni. Multaj klubmembroj laboras, studas en diversaj lokoj de la urbo kaj tial ili ne havas sufiĉe da tempo por Esperanto. Ankaŭ manko de lerno-materialo estas parto de la problemoj ĉar la klubo preskaŭ ne havas lernilojn. Tial estas bonvenaj lernomaterialoj al la kluba poŝta adreso: p/a Pastorino Miora Rasoharinaivo, lot A 473, Akany Gazela Moramanga Ville, Madagaskaro. Antaŭdankon al vi!

**Miora Rasoharinaivo**

# Invitu kaj organizu la Afrikan Kongreson en via lando !

La Afrika Komisiono de UEA invitas la landajn asociojn kaj aktivajn klubojn (nur por la landoj, kie ankoraŭ ne estas landaj asocioj) kandidatiĝi por inviti la organizon de la 7-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE-7). Kandidatiĝu kaj kunorganizu kunlabore kun la kontinenta komisiono tiun renkontiĝon en via lando!

Afrika Kongreso de Esperanto estas la plej grava internacia renkontiĝo ene de la afrika Esperantujo. Ĝi aranĝiĝas laŭ la disponeblaj rimedoj ronde en alia afrika lando kutime jarŝanĝe. La lasta AKE okazis en la tanzania urbo Bunda 2016.

Por inviti la kongreson vi devas klare indiki en retletero la nomon de la lando kaj la kongresurbon, priskribon de la kongresejo kaj loĝejo, liston de la membroj de la loka kongresa organiza teamo (nomojn de ĉiuj kun iliaj retadresoj kaj telefonnumeroj), kaj proponon pri la kongresa temo. Prefereble la kongresa temo respegulu la afrikan realecon. La kongresa temo respegulu ankaŭ la celaron de la Afrika Komisiono kaj la Esperantisma idearo (estu do mikso inter afrika realeco kaj E-celoj).

La tuton vi bv. sendi al la jenaj retadresoj: *hounfranc1@yahoo.com*, *emalandan@yahoo.fr*, *emimalanda@gmail.com* ĝis la 31-a de decembro 2017.

Kiam vi estos elektita por organizi la AKE-n, vi ne estos sola en via laboro. La Afrika Komisiono pretkonsilos kaj transdonos al vi spertojn rilatajn al la organizado de la kongreso.

# Monpremioj por lernantoj de la lernejo *Le Trophée des Elites*

5 malriĉaj sed la plej talentaj gelernantoj de la lernejo **Trophée des Elites* ricevis monpremiojn, kovrantajn ilian lernokotizon en la kuranta lerno-jaro. La disdona ceremonio de tiuj stipendioj okazis en la lerneja korto en la ĉeesto de ĉiuj gelernantoj, instruistoj, gepatroj de la premiitoj kaj aliaj gastoj inter kiuj estis la prezidanto de la asocio de gepatroj, s-ro Abalo Cephas, matene de la 3-a de novembro 2017.

*Necesis, ke por tia ceremonio de transdono de premioj al la laŭreatoj, ni kunvoku iliajn gepatrojn por priatesti tion*, precizigis, dankeme, Hunkportie Mawuena, la fondinto kaj posedanto de la lernejo antaŭ ol aldoni: *Dankon al la Esperanto-aktivulo s-ro Adjé Adjévi, danke al kiu realiĝas tiu ĉi ceremonio, kaj ankaŭ al ĉiuj geesperantistoj, kiuj finance kontribuis por tiel malpezigi la lernokotizojn al la gepatroj.*

En siaj kelkminutaj paroladoj, la gepatroj de la premioricevintoj salutis la iniciaton, feliĉe dankis la lernejan direktoron kaj esperantistojn. Ili krome invitis ĉiujn gelernantojn al pli da diligenteco en la lernado kaj aparte al la laŭreatoj labori en la sama spiritstato ankaŭ en tiu ĉi lernojaro. La prezidanto de la asocio de la gepatroj esprimis la apogon de sia asocio kaj diris, ke li ĉiam laboras siapove helpe al la bono de la lernejo.




**La kvin premiitoj**



**De dekstre: Hunkportie Mawuena… kaj plej dekstre Adjévi A.**

Tiu premiceremonio eblis fakte pro subtenaj kotizoj de kvin eŭropaj geesperantistoj por kaj stimuli la instruadon de Esperanto kaj la plej malriĉajn sed samtempe la plej lertajn infanojn en la lernado. Tiuj unuaj premiitoj okupis la unuajn rangojn en siaj respektivaj lernoklasoj, t.e. de la unua, dua, tria kaj kvara klasoj de la duagrada lernejo, kaj ili estas en la aĝo inter 10 kaj 16 jaroj. Inter ili estas kvar junulinoj kaj unu junulo, nome: Kaglan Mireille, Nocoue Débi Sophie, Agboyibo Afi, Ketoglo Koffi Godwin kaj Djagba-Sanwogou Lamponi. Same kiel en la antaŭa jaro, ankaŭ ĉi-jare funkcias du lernoĉambroj de la unua nivelo (6ª kaj 6ᵇ).

*Le Trophée des Elites* kreiĝis en la jaro 2016, kaj kiel bona oazo en tiu nova periferia kvartalo de Lomeo, ĝi havas tre bonan bazon por kreski, se konsideri ekz. tion, ke en la lernojaro 2016-2017 entute 215 gelernantoj eklernis en ĝi kaj ke ĉi-jare la lernantaro estas 304.

Senhezite bonvolu helpi al tiuj vervaj gelernantoj de *Le Trophée des Elites*. Vian subtenan kontribuon vi povas sendi al s-ro Michel Metzger, peranto en Francio; lia retpoŝta adreso estas: *m_metzger@orange.fr*. Li fakte helpas kunigi la "kotizojn" de eŭropanoj por tiel faciligi malmultekoste la transpagon al Togolando.

**Adjévi Adjé**

* *https://plus.google.com/communities/104620206758221989123/s/lernejo*

# Franca grupo realigos vojaĝojn al Tanzanio

Post Togolando kaj Burkino, Madagaskaro, Ĉeĥio kaj Pollando, Nomadkurso okazos en Tanzanio vintre 2019. *Sed antaŭe ni grupete vizitos la landon komence de 2018 por taksi renkontindajn homojn (e-istojn, ĉefe), vidindaĵojn, vivmanieron, koston*, skribis precizige en retletero Evelyne Rotellini, unu el la iniciatintoj de Nomadkursaj renkontiĝoj kaj *Esperanto-Plus* (*https://esperantoplus.jimdo.com*).



Nomadkursume… Madagaskaro 2016

Nomadkursaj renkontiĝoj estas projekto, kiu celas respondi du ĉefajn demandojn: *Mi estas eterna komencanto! Mi dezirus enprofundiĝi en la lingvo, sed kiel fari, sciante ke por bone paroli lingvon, necesas viziti la landon mem…* kaj *Mi ŝatus viziti Afrikon, sed iom timas, preferindus vojaĝi kun aliaj homoj, sed, en iu aparta etoso, ne kiel turisto...*

La aranĝo al Afriko do proponas vojaĝon, kiu inkluzivas Esperanto-kursojn, vizitojn al esperantistoj, al interesaj indaj vivlokoj. Ĝi kunigos dekduon da vojaĝemuloj de Francio – sed ankaŭ alialandanoj, kiuj deziras, povos aliĝi per *erjoline@gmail.com* – por celtravivi kunkune mirindan vojaĝon kaj flue paroli Esperanton ĉe la fino de la aventuro.

Evelyne kaj ŝiaj geamikoj subtenas krome unuopajn projektojn en la kontinento kaj ili profitas foje siajn vojaĝojn al Afriko por viziti la projektojn surloke.

*Mi opinias, ke estas bone viaflanke havi vojaĝplanon al Esperanto-Plus-anoj en la respektivaj landoj sur la kontinento. Tiuj vizitoj helpas konigi la iniciaton, reklami pri Esperanto,* skribis Adjévi Adjé kaj li aldonis: *En Tanzanio ne mankas deziro, eĉ arda, akcepti kaj akompani esperantistojn tra la lando. En la urboj Mwanza, Bunda, Arusha, Zanzibar k.s. estas lokaj e-istoj kaj ankaŭ potencialaj geamikoj, kiuj povos varme bonvenigi vin.*

# Esperanto funkcias en Rutshuru spite obstaklojn (sekvo)

La ĵurnalisto Bibero de *Racou Fm* en siaj ĉiumardaj elsendprogramoj parolas ankaŭ pri Esperanto kaj E-muzikistoj, do ankaŭ pri mi kaj mia albumo: *Esperanto, ilo de paco*.

Komence multaj personoj sen antaŭa scio pri Esperanto, opiniadis ke temas pri la lingvo hispana, sed iom post iom ili ĉiuj ekkomprenis ke estas tute alia lingvo sennacie artefarita kun la celo forneniigi la lingvajn barojn inter la homoj tra la tuta mondo.

Esperanto nuntempe estas pli kaj pli vaste konata en la urbo Rutshuru danke al la ĉisupre menciitaj radio-stacioj. La lingvo krome estas instruata en tri lernejoj, nome *Njiwa*, Instituto *Bethanie* kaj Instituto *Kasasa*, respektive de sinjoroj Joel Muhire, Honoré Sebuhoro kaj Prime Nsabimana.

**Joel Muhire**

# Grava anonco por la benina junularo

*La nuna Estraro de la Benina Organizo de Junaj Esperantistoj (BOJE) kunsidis ĉe la unua benina ŝtata universitato Abomey-Calavi la 7-an de oktobro 2017 kaj diskutis la pretiglaboron de la Ĝenerala Asembleo de BOJE, dum kiu stariĝos nova Estraro.*

*Surbaze de la aranĝoj de la nunaj statuto kaj interna regularo de BOJE disvolviĝis la kunveno. Rezultis la neceso aranĝi propran sed demokratian Ĝeneralan Asembleon antaŭ la jarfino kaj precize ĉe la hotelo JoCa en Kotonuo, la 16-an de decembro 2017.*

*Kondiĉoj por estraraniĝi en BOJE estas ke la kandidato devas 1) pagi kotizon de 1000 XOF (pro membrokotizo kaj membrokarto), 2) esti almenaŭ 18-jaraĝa kaj malpli-ol-30-jaraĝa tage de la Asembleo (artikolo 4.2 de la statuto), 3) anonci sian kandidatiĝon interrete ĉe la fejsbuka paĝo ''Tejo-benino'' per retmesaĝo en kiu oni sin prezentas (familia kaj persona nomoj, aĝo, profesio, kiam oni esperantistiĝis, Esperantaj eventoj jam vizititaj, posteno dezirata (ĉu de Prezidanto, Sekretario, Kasisto, Organizanto aŭ de respondeculo pri Infomado en la estraro kaj 4) scipovi Esperanton kaj esti esperantisto de antaŭ tri jaroj (almenaŭ ekde la jaro 2015) kaj tion pruvi.*

*Eblas pagi siajn kotizojn surloke dum la tago de la Asembleo. La limdato por sendi sian kandidatiĝon estas la 1-a de decembro 2017. Validos nur la kandidatoj, kiuj sendos siajn kandidatiĝojn ene de tiu limdato al la diskutlisto Tejo-benino.*

*Kiel priskribas la artikolo 2.2 de la statuto, malpli-ol-15-jaraj personoj povos ĉeesti la Ĝeneralan kunvenon, sed ili ne havas voĉdonan rajton. BOJE do invitas ĉiujn esperantistojn (gejunulojn, plenkreskulojn, pionirojn kaj amikojn de Esperanto) ĉeesti la kunvenon kiel observantoj. Ĝi ŝatus ke la laborojn de la Asembleo gvidu iu volontula membro de ABeE, tia ke BOJE ĝis nun estas integra strukturo de la landa asocio ABeE.*



**Membroj de la eliranta Estraro de BOJE**

*La nuna Estraro antaŭdankas pro viaj multaj kaj diversaj kontribuoj cele al la sukceso de la Ĝenerala Asembleo, kies provizora programo estas:*

*10 h 00: Alveno de ĉiuj ĉe la AG-ejo (hotelo JoCa)*
*11 h 00 – 12 h 30: Malfermo (bonvenigaj vortoj, prezento de la agadraporto far la eliranta Estraro kaj debato)*
*12 h 30 – 13 h 00: Voĉlegado de la interna regularo kaj la statuto de BOJE*
*13 h 00 – 14 h 00: Kafpaŭzo*
*14 h 00 – 15 h 30: Elektbalotado*

**Bernard Gnancadja**

*Esperanto en Afriko* estas trimonata oficiala periodaĵo de la Afrika Komisiono de UEA pri la Esperanto-movado en Afriko.

**Redaktas:** Adjévi Adjé, 06 B.P. 61807, Lomé, Togolando; tel.: +228 902 57 549, 995 72 623.

Kion faras via landa asocio aŭ via loka E-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio akceptas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble estas ankaŭ sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al: *adjevia@gmail.com*.

**Limdato por la numero 34: la 15-a februaro 2018**



Pli da informoj pri la afrika movado haveblas per:
***www.esperanto-afriko.org***